WIKIPEDIA

# Moderna Latino

Ne konfuzu ĉi tiun artikolon kun Moderna Latino (planlingvo).

**Moderna Latino** temas pri la formoj de la Latina lingvo en uzo ekde la fino de la 19a jarcento. Variajn aplikojn oni povas distingi, sed *Vivanta Latino*, kiel rimedo de komunikado, estas la ĉefa temo de ĉi tiu artikolo.

## Enhavo



## Simbola uzo

Relikvo de la iama graveco de Mezepoka Latino kiel lingvafrankao por multaj fakoj, Latino restas ankoraŭ videbla en vortoj, frazoj, motoj, kaj simile, ofte de tiuj aspirantaj ligiĝi kun la perceptita eterneco de Latino mem.

### En scienco

Sciencoj diversaj ankoraŭ ĉerpas terminojn el Latino. La plej rimarkebla ekzemplo estas ĝia uzado en la biologia dunoma nomsistemo elpensita de Karolo Lineo kaj en terminoj pri medicino uzataj internacie en fako kie konfuzoj povas rezulti en danĝeraj efikoj.

### Eklezia uzo

Eklezia Latino, kiel uzata de la Katolika Eklezio, estas distingebla precipe per ĝia prononcado, t.e. laŭ la tradicia itala maniero. Ĝi restas, tamen, komplete interkomprenebla kun norma Vivanta Latino.

### Ĉe universitatoj

Oficiale, multaj universitatoj uzas Latinan devizon. Klasikaj studoj ankoraŭ ekzistas ĉe la plejparto de universitatoj. Krome multaj universitatoj adoptas la tradician himnon *Gaudeamus igitur* en oficialaj kaj solenaj ceremonioj.

## Vivanta Latino

Vivanta Latino (*Latinitas viva* en Latino mem), ankaŭ konata kiel *Parolata Latino*, estas klopodo revivigi Latinon kiel parolatan lingvon kiel vehiklon por ĉi-epoka komunikado. Iuj engaĝas hobie, aliaj pli seriozaj volas restaŭri ĝin kiel internacia helplingvo.

Unu el ĝiaj ĉefaj adeptoj estis eksdekano de la Universitato de Nancio, Jean Capelle, kiu en 1952 publikigis artikolon "Latino or Babelo"[1] en kiu li proponis Latinon kiel internacie parolatan lingvon. Tial poste lin nomis "la animo de la movado" ĉe la unua internacia konferenco por Vivanta Latino, la (*Congrès international pour le Latin vivant*) [2].

Unu el la plej spertaj lernolibroj kiuj plene adoptas la rektan metodon por Latino estas la fama *Lingua Latina per se illustrata* fare de Johano Heningo Orbergo, unue eldonita en 1955, kaj komplete komponita en Latino.

En 1966 Klemento Desesardo eldonis metodon en la serio *sans peine* de la francia kompanio Assimil. La metodo de Desesardo estas ankoraŭ uzata por instruado de *Schola Latina Universalis*. En 1986, belgia radiologo Gaius Licoppe, kiu malkovris Latinon per la metodo de Desesardo, fondis *Fundatio Melissa* por reklamado kaj instruado de Latino Vivanta. [3]

Ĉe la *Accademia Vivarium Novum* en Romo, ĉiuj klasoj estas instruitaj en aŭ Latino aŭ la helena, kaj rezidantaj studentoj devas paroli ekskluzive nur aŭ Latinon aŭ la helenan por plue akiri fluecon.[4]

En Usono, Terenzo Tunbergo establis la unuan *Conventiculum*, mergiĝa konferenco por aktive uzi la lingvon. [5] Ankaŭ en Usono ekzistas la *Septentrionale Americanum Latinitatis Vivæ Institutum* (SALVI, aŭ Nord-Amerika Instituto por Studoj pri Vivanta Latino).[6]

## Tradukoj de modernaj verkoj

- 1884. Rebilius Cruso[7]
- 1922. Insula Thesavraria
- 1928. Vita discriminaque Robinsonis Crusoei
- 1960. Winnie Ille Pu
- 1964. Alicia in Terra Mirabili
- 1985. Regulus, vel Pueri Soli Sapiunt
- 1987. *Magus Mirabilis in Oz*
- 1991. Tela Charlottae
- 1998. Quomodo Invidiosulus Nomine Grinchus Christi Natalem Abrogaverit
- 2000. Cattus Petasatus
- 2002. Arbor Alma
- 2003. Virent Ova, Viret Perna
- 2003. Harrius Potter et Philosophi Lapis
- 2006. Harrius Potter et Camera Secretorum
- 2012. Hobbitus Ille

## Vidu ankaŭ

- Latina (apartigilo)
- Reginald Foster (latinisto)
- Latinlingva Vikipedio

## Notoj


1. ↑ *The Classical Journal*, Vol. 49, No. 1, Oktobro 1953, pp. 37–40 (https://www.jstor.org/pss/3292933)
2. ↑ Goodwin B. Beach, "The Congress for Living Latin: Another View (https://www.jstor.org/pss/3294350)", *The Classical Journal*, Vol. 53, No. 3, Decembro 1957, pp. 119–122:
3. ↑ MELISSA sodalitas perenni Latinitati dicata (http://www.fundatiomelissa.org/fundatiomelissa/Salvete.html). Alirita 2017-07-10.
4. ↑ Archived copy (https://web.archive.org/web/20111116232817/http://www.vivariumnovum.net/eng/index.htm). Arkivita el la originalo (http://www.vivariumnovum.net/eng/index.htm) je 16a de novembro 2011. Alirita 2011-11-16.
5. ↑ Conventiculum Latinum | Modern & Classical Languages, Literatures & Cultures (https://mcl.as.uky.edu/conventiculum-latinum). Alirita 2017-07-10.
6. ↑ About Us | SALVI: Septentrionale Americanum Latinitatis Vivae Institutum (http://www.latin.org/about.php). Alirita 2017-07-10.
7. ↑ (1884) *Rebilius Cruso: Robinson Crusoe, in Latin: a book to lighten tedium to a learner: Defoe, Daniel, 1661?–1731: Free Download & Streaming: Internet Archive (https://archive.org/details/rebiliuscrusorob00defo)*.